# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto: H. Hodler.†**

**Redaktoro (Provizora): M. Movo.**

**Redakcio: 1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**


# OSAKA

## Japana dua granda urbo

## Kanalo kaj eŭropaj konstruajoj

*La ciklono, kiu antaŭ nelonge furiozis en Japanujo, parte detruis la urbojn Osaka kaj Kioto.*

**ENHAVO:**




**32-a Jaro N° 426**

**FEBRUARO 1936**




# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

28-a Administra Jaro 1935/36
N-ro 4 — Februaro 1936

*La morto de la direktoro Kreuz.*

La direktoro de UEA, S-ro Robert Kreuz, mortis en la nokto de 31 januaro-1 februaro. La multjara agado kaj la rolo de la mortinto por nia movado estas konataj al ĉiu aktiva esperantisto.

*Provizora Direktoro.*

Ĉar la laŭstatuta elekto de nova direktoro postulas plurajn semajnojn, la Prezidanto nomis la subskribinton Provizora Direktoro, por eviti malordiĝon en la laboro de C.O.

*La Centra Oficejo.*

La C.O. daŭrigas bonorde kaj seninterrompe sian regulan funkciadon. Se la aferoj, kiujn rezervis al si persone la mortinta direktoro, suferos en la unua tempo prokraston neeviteblan, oni bonvolu senkulpigi.

*Redaktoro de « Esperanto ».*

Ĝis la definitiva decido pri nova Direkcio de UEA, « Esperanto » estos redaktata de la Provizora Direktoro.

*Dankesprimo.*

Okaze de la morto de S-ro Kreuz, ni ricevis multenombrajn kondolenc-leterojn de Esperanto-Asocioj, Grupoj kaj izolaj esperantistoj. Ne povante respondi al ĉiu per aparta letero, ni esprimas ĉi tie nian koran dankon pro la elmontritaj sentoj de kompato al nia perdo kaj de intereso kaj fideleco al nia Asocio.

M. Movo, *Provizora Direktoro.*

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Danujo**

*Ingstrup.* — D : Harry Sørensen, Ĝardenisto.
*Vestervig.* — D : F-ino Jenny Jensen, Oficistino. Dommerkontoret.

**Germanujo**

*Euskirchen* (Eifel). — D : Walter Vesper, Münstereifelerstr. 101.

**Nederlando**

*Rotterdam.* — VD : J. R. Grisnight, Jericholaan 24 A.
*Rotterdam.* — VD : J. P. Verheul, Oficisto, Gaffelstraat 48a.

**Novzelando**

*Ashburton.* — D : James Arnold Hodges, Instruisto, Private Bag, Willowby.
*Palmerston North* (Wellington). — D : Harry Edwin Facer, Presisto. 284, Victoria Avenue.
*Wanganui East* (Wellington). — D : George T. Wright, Fervoja maŝinisto, 71 Jellicoe St.

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ :

*Aŭstralio.* — Newcastle (VD). New South Wales.
*Belgujo.* — Nieuwpoort, VD.
*Ĉeĥoslovakio.* — Tabor ; Trutnov.
*Francujo.* — Autun ; Tonnerre (Yonne).
*Italujo.* — Castiglioncello (VD) ; Napoli (F-D. Gazetaro).
*Nederlando.* — Arcen (L) ; Baarn (D) ; Hoofddorp ; Ootmarsum ;
*Rumanujo.* — Braila.
*Svislando.* — Genève (Borsa), Le Locle ; Münsingen.
*Usono.* — Ramona (Calif.) ; New York City (Ĉ. D.).

**SANĜOJ**

**anstataŭ la ĝisnuna delegito funkcias :**

**Germanujo**

*Wüstegiersdorf* (Schl.). — D : Ernst Hoffmann, Seruristo, Bahnhofstr. 24 b.

**Hispanujo**

*Gijon.* — D : Justo del Campo, Kuracisto, Prof. Gimnastiko, Av Villaviciosa 83.

**Nederlando**

*Coevorden.* — D : D-ro G. T. Knol, Dentisto, v. Heutzsingel 7.
*Veendam.* — D : S-ino A. J. v. Dokkum-Bruins, Prins Hendrikpilen 1.
*Vlissingen.* — D : J. Davidse, Groote Markt, 24.

**Polujo**

*Lublin.* — D : Czeslaw Pruski, Ŝtatoficisto, Przechodnia 2 m. 1.

### Niaj mortintoj

S-ro Benoit Pia, Autun (Francujo). Del. UEA.
S-ro František Dvorak. Del. UEA. Trutnov (Ĉeĥoslovakio).
D-ro Steph. Bertram. Berlin N. 58. V.- Del. U.E.A.
S-ro Giordano Bruno Lopez, Buenos Aires (Argentino) Vic-Del. U.E.A. perdis sian patrinon, S-inon Valentina Gutierrez Presmanes (9.11.1935).
S-ino Julia Goldzier, Bayonne (U.S.A.). Del. U.E.A. (Dec. 1935).
F-ino L. Swan, Thornton Heath (Britujo) (2.1.1936).
S-ro M. J. Wessel, Soestdijk (Nederland). Del. U.E.A. (17.1.1936).
S-ro Franz Mayer jun., Goldenöls (Ĉeĥoslovakio). Del. U.E.A. perdis sian patrinon, S-inon Helene Mayer, nask. Kriegel. (30.1.1936).
S-ro Hans Poensgen, Plantejestro, Solingen. Dumviva membro de U.E.A. (Januaro 1936).

Ni sincere kondolencas la oficistinon de la C. O., Fraŭlinon Madeleine Vuille (la poetinon Mad Mevo), de kiu la morto ĵus forrabis 36-jaran fratinon, S-inon Annette Jörg. La bato estas des pli kruela por F-ino Vuille, ke antaŭ nur 5 monatoj ŝi jam perdis unu fratinon. Nia kompato estu por ŝi ioma konsolo.

### Fianciĝoj

Fraŭlino Maria Krautsberger, Krems, fianĉiniĝis kun S-ro Franz Stanke, Krems, (Aŭstrio). Niajn korajn gratulojn.

## ONI DANKAS

*** S-ro Wlodzimierz Pfeiffer, D. de UEA en Lodz (Polujo), varme dankas s-ron Henk Goemans, VD de UEA en Istambul kaj s-ron R. Levin, D. de UEA en Lyon, pro rapida kaj ekzakta plenumo de servopetoj.

# Robert KREUZ †



Sinjoro Robert Kreuz ne plu estas.

Malaperis la plej karakteriza, eble la plej konata figuro de nia samideanaro. Malaperis lia pereonta korpo, sed restas la fruktoj de lia sindona laboro por le Esperanto-movado, kiuj certe vivados ankoraŭ multajn jardekojn.

Entuziasma Esperantisto jam en 1909, li dediĉis sian tutan liberan tempon al la movado, kaj baldaŭ post la mondmilito, li revivigis la Sudokcidentgermanan Esperanto-Ligon (SOL), starigis kontakton kun Rejnlanda Vestfalia Esperanto-Ligo (REVELO), instigis la Frankfurtan Internacian Foiron al propagando per Esperanto, funkciis kiel ĉefdelegito de UEA, sukcese kontraŭbatalis la Ido-movadon.

En 1923 li forlasis sian postenon ĉe industria entrepreno kaj akceptis kunredakti la gazeton « Esperanto Triumfonta » (la antaŭa titolo de « Heroldo de Esperanto »). Ankaŭ en tiu pozicio li montris, kiel atestas la eldonisto kaj ĉefredaktoro de « Heroldo de Esperanto », grandajn talentojn kaj kapablojn.

Li estis kunlaboranto de multaj Esperanto-gazetoj, verkis plurajn vortarojn kaj broŝurojn pri diversaj Esperanto-problemoj.

En 1925 li fariĝis ĝenerala sekretario, en 1930 direktoro de la Internacia Centra Komitato, post la Interkonsento de Kolonjo dua direktoro de UEA., depost la Stokholma Kongreso la sola direktoro de UEA kaj samtempe la redaktoro de la revuo « Esperanto ».

Lia sperteco en organizaj demandoj, lia multlingveco kaj lia eksterordinara stenografa lerteco faris lin plej meritplena gvidanto kaj organizanto de niaj Universalaj Kongresoj.

Dum dekok monatoj mi, kiel Prezidanto, kontaktis kun li, kaj diversfoje vizitis lin en la Centra Oficejo por pridiskuti multajn punktojn. Mi admiris lian laborpovon, lian eksterordinaran memoron pri homoj kaj aferoj, kiu ebligis al li rapide kaj trafe respondi ĉiuspecajn demandojn, lian scivolemon en ĉiuj praktikajoj, kaj tute speciale en lingvoj. Mi altgrade ŝatis la netecon de lia spirito kaj de liaj decidoj.

Jam delonge lia sanstato ne estis tute kontentiga. Tamen neniu antaŭvidis lian foriron tiom frue.

Li ripozu en plene meritita paco.

La ĝenerala bedaŭro kaj kompato konsolu kaj fortigu lian fidelan kunulinon, la altestimatan vidvinon.

La morto de Kreuz estas granda bato por la Esperanto-movado kaj por UEA. Feliĉe nia afero estas jam tiom forta, ke jam neniu perdo povas danĝerigi ĝin.

L. Bastien.

# Le rolo de la delegitoj por la praktikaj servoj

**(Verkita de s-roj Couteaux, Goldsmith kaj Malmgren laŭ decido de la Komitato dum la 27a Kongreso en Romo)**

La delegitoj plenumas en U.E.A. plej gravan rolon. Dank'al ili kaj al la maniero, laŭ kiu ili konsentas plenumi sian rolon, la organizo de la praktikaj servoj povos, aŭ ne, fariĝi realaĵo.

Instrukcioj jam precizigis ilian rolon dum la pasintaj jaroj. Sed fakte ili sin okupis ĝenerale nur pri turismaj aferoj. Hodiaŭ la publiko en ĉiuj lokoj konatiĝis kun nia universala asocio kaj deziras provi ĝiajn praktikajn servojn. La momento venis por peti la delegitojn en la grandaj centroj, ke ili bonvolu pligrandigi sian rolon laŭ la komuna deziro.

Ni tuj diras, ke ni ne intencas trudi novan ŝarĝon al la delegitoj, kiuj ĝis nun deĵoris por ni tiel sindoneme dum multaj jaroj. Ni nur volas proponi al tiuj, kiuj havas eblecon helpi al ni iom pli multe ol antaŭe, kelkajn taskojn, kiuj eble instigos ilin al novaj iniciatoj.

En la malgrandaj urboj oni kredeble nenion devos ŝanĝi. En la grandaj male, la lokaj organizaĵoj povos, se la nuna delegito ne deziras plimultigi sian esperantistan laboron, meti apude la vicdelegiton aŭ komercan delegiton, kiu havos specialan taskon.

La rolo de la delegito iom aliformiĝis de l'momento, kiam U.E.A. fariĝis la sola esperantista centro, funkcianta samtempe por la propagando kaj por la praktikaj servoj. La delegito ĉesas esti komisiita nur por la praktikaj servoj; li devas zorgi ankaŭ por la ĝenerala propagando. En la urboj, kie ne ekzistas propaganda grupo, li reprezentas ĉiurilate la asocion, kaj lia unua devo estas tie varbi novajn membrojn por UEA.

Pri liaj funkcioj, ŝajnas utile ilin precizigi. Estas dezirinde, ke la agado de la delegitoj celu ĉefe tri laborkampojn. Ĝi samtempe utilu al la komerco, al la turismo kaj al la kultura interrilato.

I. *Komerco.* — *a*) La delegito donu informojn pri komercaj aferoj. Se ekzistas en lia komunumo komerca ĉambro aŭ informasocio, li turnu sin al ili; kaj tiel li eventuale povos limigi sian laboron al traduko de la demanda letero.

*b*) La delegito akceptu kaj konservu komercajn cirkulerojn, prospektojn, k.t.p. Unufoje ĉiujare, prefere en la aŭtuno, li aranĝu en montrejo de iu komerca firmo ekspozicion per helpo de la ricevitaj dokumentoj. La delegito devas pri ĉiu dokumento doni malgrandan resumon en sia gepatra lingvo. La loka esperanto-grupo devas helpi por la organizo de tiu ekspozicio.

*c*) La delegito vizitu la lokajn komercajn firmojn kaj asociojn, kiuj vendas varojn eksterlanden, kaj instigu ilin pretigi en esperanto cirkulerojn, prospektojn, gvidfoliojn, k.t.p. La loka esperantista grupo helpu la delegiton prepari la dolumentojn. Se temas pri longaj tradukoj, la koncerna firmo devas pagi la faritan laboron. La pres- kaj sendkostojn pagu kompreneble la firmo.

Kiam la delegito vizitas la firmojn por fari siajn proponojn pri reklamo per esperanto, li havu en manoj statistikajn dokumentojn pri la disvastiĝo de esperanto en la diversaj medioj. Tiajn dokumentojn la delegito ricevos parte el la centro de U.E.A. kaj parte el la esperantistaj gazetoj.

II. — *Turismo.* — *a*) La delegito informu la esperantistajn turistojn, parole aŭ letere, pri vidindaĵoj, vojaĝeblecoj, hoteloj, prezoj, k.t.p.

*b*) Li akceptu kaj konservu turismajn broŝurojn, cirkulerojn kaj gvidfoliojn. Unufoje ĉiujare, prefere en la printempo, li aranĝu ekspozicion en montra fenestro de iu vendejo. Se la loka esperantista grupo posedas propran afiŝtabulon aŭ keston, la turismaj broŝuroj povos esti montrataj pli ofte. Cetere la turisma ekspozicio estu aranĝata proksimume kiel la komerca.

*c*) La delegito instigu laŭpove la lokajn turismajn asociojn eldoni siajn gvidfoliojn kaj broŝurojn en esperanto. Pri la agmaniero, li sekvu la konsilojn sub Ic.

III. — *Kultura interrilato.* — La delegito laŭpove respondu al demandoj pri kulturaj, juraj, literaturaj kaj sciencaj aferoj. Lia rolo estu precipe : serĉi en la hejmregiono statistikajn informojn, kopii en bibliotekoj kaj muzeoj maloftajn dokumentojn, k.t.p.

IV. — *Konigo de la delegito.* — *a*) La ĝenerala publiko estu informata pri la nomo kaj adreso de la delegito. Prefere sur la muro de la domo, en kiu loĝas la delegito, estu tre videbla UEA-ŝildo kun la nomo de la delegito. Tia ŝildo kun adresinformo estu ankaŭ metata laŭeble en la fervoja stacio, poŝta domo, komerca ĉambro, urbdomo kaj ĉe la enirejo de la urbo.

*b*) La delegito informu la redakcion de la loka komerca gvidlibro pri siaj nomo kaj adreso, por enpreso.

*c*) Tuj kiam li estas elektita, kaj poste, ĉiujare, en la mezo de januaro, la delegito sendu al la lokaj gazetoj, en sia gepatra lingvo, informon kun la peto, ke oni aperigu artikoleton pri liaj funkcioj.

V. — *Honorofico.* — Senpage donu la delegito mallongajn informojn pri petitaj demandoj. La demandinto nur kunsendu internacian respondkuponon por kovri la poŝtelspezojn. Se tamen farita demando postulos oferon de konsiderinda tempo, la delegito, post tuja enketo, respondu al la petinto, ke informo estos sendata kontraŭ monsumo kompensanta la tempo-perdon. Ĉiu oferita horo estu kompensata per 1 ĝis 1,50 svisa franko. Krom tio, transportaj kaj aliaj elspezoj de la delegito estu kompensataj.

La delegito ĉiam akurate plenumu sian funkcion kaj tuj respondu al faritaj demandoj.

La agadkampo de la delegito ne estu limigata, kaj laŭbezone li ĝin pligrandigu.

La iom vasta laborprogramo, kiun ni proponas hodiaŭ al la iniciatemo de la delegitoj, celas kelkajn novajn punktojn, kiuj montriĝis gravaj. Estas klare, ke la plej multaj delegitoj kun plezuro sekvos la ĉi-suprajn konsilojn, por tiel grandigi la efikecon kaj praktikan valoron de UEA.

# VIA OPINIO ?

La demando pri la enkonduko de Esperanto en la praktikan vivon jam delonge okupas la gvidantojn de la movado, kiuj sukcesis aranĝi plurajn internaciajn konferencojn, speciale dediĉitajn al tiu problemo.

Jam en la jaro 1923 okazis en Venezio la unua Internacia Konferenco por komuna helplingvo por komerco kaj trafiko. La konferencon partoprenis delegitoj de 27 landoj el ĉiuj kontinentoj, nome : 8 ministerioj, 87 komercaj ĉambroj, 21 internaciaj foiroj, 32 bankaj, industriaj eksportaj kaj aliaj unuiĝoj, 30 turismaj kaj porfremdulaj korporacioj, 9 institutoj por komerca studado kaj 2 urbaj administracioj. Tiun imponan konferencon, kiu unuanime atestis la grandan praktikan valoron de Esperanto por internaciaj negocaj rilatoj, sekvis aliaj konferencoj, ne malpli influaj kaj ne malpli favoraj al nia lingvo.

La aranĝo de tiaj konferencoj postulas de la organizantoj tre grandan kaj sindonan laboron. Kaj la voĉo de tiel kunmetitaj kongresoj devus ŝajne elvoki viglan eĥon en la tuta mondo. Oni rajtus kredi, ke la rezolucioj, kiujn ili unuanime akceptos favore al Esperanto, havos plej grandan praktikan valoron kaj sekvigos vastan aplikadon de la lingvo en industrio kaj komerco.

La realeco bedaŭrinde ne pravigis tiujn esperojn. La signifo kaj la uzado de la lingvo en la negocaj rilatoj inter la nacioj ne pligrandiĝis post tiuj konferencoj ; kaj tio ne devas mirigi nin. Ni konsideru, ke la internaciaj komercaj rilatoj ne efektiviĝas de konferencoj aŭ aliaj publikaj institucioj, sed de unuopaj komercistoj, resp. komerc-entreprenoj. Estas klare, ke rezolucioj, eĉ unuanime akceptitaj de plej imponaj kaj plej aŭtoritataj kongresoj kaj konferencoj, ne povas multe praktike helpi. La unuopa komercisto aŭ industriisto aŭ alia interesito, ne sciante, ĉu la ricevonto de liaj sciigoj komprenas Esperanton, ne kuraĝas skribi en tiu-ĉi lingvo. Estas pro tio, ke la lingvo restas ekster uzo, ne povante meti la fortojn en ĝi kaŝitajn en la servon de la interpopolaj rilatoj.

Temas do pri la forigo de ĉi-tiu baro. Tio estas ŝajne atingebla per tre simpla vojo (kiun la subskribinto proponas kiel tute privatan opinion).

La internacia trafiko kutime okazas ne inter vilaĝoj, sed inter lokoj kun pli malpli multnombra loĝantaro. Senplue oni povas deklari, ke apenaŭ ekzistas nun en la mondo tiaranga loko, kiu ne havas delegiton de UEA aŭ almenaŭ esperantistan grupon. Do preskaŭ en ĉiu loko, kiu povas interesi la sferojn de la internaciaj rilatoj, ekzistas personoj, kapablaj traduki esperantan tekston en la koncernan nacian lingvon. Tiu fakto ebligas korespondadi en Esperanto sen antaŭa informiĝo, ĉu la ricevonto komprenas la lingvon. Estus nur necese kaj utile aldoni al ĉiu sendaĵo slipon, *verkitan en la lingvo de la adreslando*, kun ĉirkaŭ jena enhavo.

« *Konforme al la unuanimaj rezolucioj de la Internacia Konferenco por komuna helplingvo de komerco kaj trafiko en Venezio*[1] *kaj de aliaj konferencoj, ni permesas al ni skribi al vi en Esperanto. Se vi ankoraŭ ne posedas tiun-ĉi lingvon, bonvolu vin turni al la malsupre indikita adreso en via urbo. Tie vi senpage aŭ je malgranda honorario ricevos tradukon. La respondo povas esti laŭ via bontrovo en Esperanto aŭ en alia lingvo.*

Adreso : ..............................................

[1] « La Konferencon partoprenis reprezentantoj el 27 landoj el ĉiuj kontinentoj, nome :
8 ministerioj, 87 komercaj ĉambroj, 21 foiroj, 52 bankaj, industriaj, eksportaj kaj profesiaj unuiĝoj, 30 turismaj kaj porfremdulaj korporacioj, 9 institutoj por komerca studado kaj 2 urbaj administracioj. ».

UEA certe povus preni sur sin — pere de siaj lokaj delegitoj — la taskon de la traduko en la naciajn lingvojn, de la presado kaj de la liverado de tiaj slipoj, faciligante kaj malkarigante tiamaniere la tutan aferon.

Kompreneble estos necesaj tiaj aŭ tiaj paŝoj por la efektivigo de la proponita plano. Sed la afero estas tiel simpla kaj tiel natura, ke oni certe povas atendi, ke ĝi tuj gajnos grandan sekvantaron. La profito de la rekomendata vojo, kiu en multaj okazoj ebligas tujan anstataŭadon per Esperanto de pluraj fremdaj lingvoj, estas ja evidenta.

La aplikado de Esperanto sur tiu bazo donos novan kuraĝon al la amikoj de la lingvo, ekinteresos flanke-starantojn, elvokos bezonon je tradukoj kaj tradukistoj, pligrandigos la disvastigon de esperanta literaturo.

M. Movo.

---

# BERCK

## Resaniga Urbo. — Mara Banloko

Berck, franca urbo de 16.000 loĝantoj situas norde de la lando, apud la marokolo Manche. Ĝi estas kreita antaŭ 75 jaroj kaj nun estas organizata por somere loĝigi 50.000 vizitantojn.

Tiu resaniga urbo, tutmonde konata, metas ne malpli ol 8.000 litojn je la dispono de malsanuloj, ĉu en hospitaloj, ĉu en privataj malsanulejoj. Ĝi fariĝis centro de osta kaj ortopedia ĥirurgio.

Plie, ĝi estas bonreputacia banloko, kies pligrandiĝo estas kaŭzata de ĝia stimulanta klimato. La bangastoj trovas tie multajn distriĝojn kaj renovigas sian sanon en la mara elemento.

Pro la karaktero precipe stimulanta de sia klimato, Berck konvenas al malfortaj kaj sangomankaj infanoj, al resaniĝantoj, al ostaraj malsanuloj, al infanoj, kies kreskado estas malfruata aŭ kiuj havas la spinon malrektiĝata, al ĉiuj kiuj estas gangliaj, kaj fine al ĉiuj ostaj malsanoj (Pottmalsano, koksalgio ktp.).

Estas grave eble plej frue starigi la diagnozon de malsanoj, kuracotaj en Berck. Kelkaj estas longdaŭraj, ĉiuj bezonas specialan kuracadon. Alikaze oni riskas gravajn komplikaĵojn : abscesojn, fistulojn, deformojn, lamigadojn.



Sed pro kio Berck ?

1e Pro ĝia klimato.

La temperaturo estas ĉirkaŭe la sama somere kaj vintre, neniam tro varma, neniam tro malvarma.

Dufoje ĉiutage la marmovoj postlasas nuda la sablobordon apenaŭ deklivan, kiu prezentas grandegan surfacon por vaporiĝo, saturantan la aeron per jodaj bonfaraj elementoj. Samtempe, tiu sabla vastiĝo kreas ekranon, kies reflekto estas tiel speciala, ke ĝi okazigas « sunfrapon » eĉ kiam la ĉielo estas nubokovrita.

La meza temperaturo estas 10° en Berck (13,9° en Arkachon, 14,7° en Nice). Berck estas la plej freŝa franca regiono somere (17°) kaj tre modera vintre.

Estas multe da vento, kiu estas tre bona terapeŭtika faktoro. Ĝi masaĝas la korpon tra la vestoj. La ofteco de la ventoj, venantaj el la marmezo, estas 60 %. Tial ili alportas en Berck puran aeron, sen mikroboj, riĉan je oksigeno kaj enhavantan marajn akverojn pulvorigataj.

La pureco de l'aero estas rimarkinda. Laŭ la fizikistoj Sartory kaj Langlois, la kubometro de l'Berck'a aero entenas ne pli ol 4 bakteriojn. Oni ne timu kontaĝion, ĉar Berck estas malpermesata al pum-tuberkulozuloj.

2e Pri ĝia medicina tekniko specialigata.

La nombro da medicinistoj, radiaĵistoj, laboratoristoj estas rondcifere tridek. Ĉiuj penadoj direktiĝas al la kuracado de ostaj malsanoj kaj al la problemo de la homa patologio.

En Berck ekzistas en la tuta mondo konata skolo de specialistoj, kiu kreis la respektivajn specialistojn de Franclando kaj ankaŭ de eksterlando, ĉar el ĉiuj landoj oni venas en Berck por studi la kuracadon de tiuj malsanoj.

3e Ĉar Berck estas organizata por malsanuloj kuŝantaj, tamen circulantaj.

La kuracejoj, la komercejoj, la preĝejo, la kazino, la teatroj, kinematografejoj, la tuta urbo estas organizataj por la malsanuloj. La kuŝigata malsanulo ne staras ĉiam sur la sama kuracada galerio. Tute ne, li promenadas komforte en veturiloj, trenataj per azenoj aŭ ĉevaletoj. Tiel, li iras spiri puran aeron ĉu sur la sablobordo, ĉu en la najbara kamparo. Tie-ĉi, la malsanuloj ne havas la penigan impreson esti objekto de scivolemaj aŭ kompatemaj rigardoj. Ili estas hejme.

Tiu morala atmosfero kreas la fizikan kaj psikologian miraklon de Berck.

**G. Lemaire, UEA delegito, Berck (P.-de-C.),** Franclando.

# En la barbirejo

Anton Ĉeĥov.

---

Mateno. Ne estas ankoraŭ la sepa. Tamen la barbirejo de Makar Kuzmiĉ Bljostkin (Brilaĵetulo) jam estas malfermita. La mastro, dudek-trijarulo, nelavita, grasmakulita, sed dandpretendeme vestita, estas okupata je ordigo. Kvankam efektive estas nenio ordigota, li ŝvitas laborante. Jen li ie ekfrotas per ĉifoneto, jen li ion degratas per fingro, jen li trovas cimon kaj deĵetas ĝin de l'muro.

La barbirejo estas malgranda, mallarĝa, malpura. La tapetoj sur la lignaj trunkmuroj similas al kolorperdinta ĉemizo de veturigisto. Inter du malklaraj fenestroj, kvazaŭ larmoverŝaj, estas pordeto, maldika, kaduka, knaranta. La sonorileto super ĝi estas verdiĝinta pro malsekeco. De tempo al tempo ĝi senkaŭze ektremas kaj malsanete eksonas. Se vi enrigardas la spegulon pendantan sur unu el la muroj, vi ekvidas vian fizionomion senkompate distordita ! Antaŭ ĉi tiu spegulo oni razas kaj tondas. Sur tableto, same nelavita kaj grasmakulita kiel la mastro mem, kuŝas ĉio : kombiloj, tondiloj, kvantetaĉo da harŝmiraĵo, da pudro, da kolonjaakvo treege dissolvita. Malmultege valoras la tuta barbirejo.

Eksonetaĉas la malsana sonorileto super la pordo. En la barbirejon eniras nejuna viro en mallonga tanita peltvesto kaj feltbotoj. Liaj kapo kaj kolo estas envolvitaj per virina ŝalo.

Estas Erast Ivaniĉ Jagodov (Berulo) la baptopatro de Makar Kuzmiĉ. Iam li servis en la konsistorio kiel pordisto. Nun li loĝas apud la Ruĝa Lageto kaj okupiĝas je serurarto.

— Saluton, Maĉjo ! — li diras al Makar forlogita per la ordigo.

Ili kisas sin reciproke. Jagodov fortiras la ŝalon de l'kapo, krucsigniĝas kaj sidiĝas.

— Kia malproksimo ! — diras li afekte ĝemante. — Ne estas petolaĵo — de la Ruĝa Lageto ĝis la Kaluga Pordego !

— Kiel vi fartas ?

— Malbone, frato ! Mi havis febron.

— Kion vi diras ? Febron !

— Jes, febron. Monaton mi estis en lito. Mi pensis, ke mi mortos. Mi eĉ komuniis. Kaj nun miaj haroj elfalas. La doktoro ordonis, ke mi tondiĝu. Tiam, li diras, elkreskos novaj, fortikaj haroj. Kaj jen mi pensas en mia menso : mi iru ĉe Makar'on, prefere ĉe parenculon ol ĉe iu alia. Li plenumos pli bone kaj monon li ne akceptos. Verdire, estas iom malproksime, sed kion fari ? Similas ja al promeno.

— Mi plezure... Bonvolu !

Makar Kuzmiĉ, riverencete piedskrapinte, montras la seĝon antaŭ la spegulo. Jagodov sidiĝas, rigardas sin en la spegulo kaj la ekviditaĵo evidente kontentigas lin : kurba vizaĝaĉo kun kalmukaj lipoj, malakra, larĝa nazo kaj okuloj je la frunto. Makar Kuzmiĉ kovras la ŝultrojn de sia kliento per blanka tuko kun flavaj makuloj kaj ekknaras per la tondilo.

— Mi tondos ĝisfunde, ĝisnude, — diris li.

— Nature. Ke mi similu tartaron, kuglon. La haroj elkreskos pli dense.

— Kiel fartas la onklino ?

— Tiel... vivadas. Antaŭ nelonge ŝi akuŝigis ĉe majoredzino. Oni donis al ŝi rublon.

— Hm, rublon. Tenu vian orelon dum momento.

— Mi tenas. Atentu, ne fortranĉu ĝin. Ho, doloras ! Vi ja tiras miajn harojn.

— Ne gravas. Sen tio neeblas en nia metio. Kaj kiel fartas Anna Erastovna?

— Mia filino ? Bone. Ŝi saltas. Lastan semajnon, merkrede, oni fianĉinigis ŝin kun Ŝejkin (Koletulo). Kial vi ne venis ?

La knarado de l'tondilo ekĉesas. Makar Kuzmiĉ lasas fali la brakojn kaj timigite demandas :

— Kiun oni fianĉinigis ?

— Mian filinon, Anna'on.

— Sed kiamaniere ? Kun kiu ?

— Kun Prokofij Petrov Ŝejkin. Lia onklino servas kiel mastrumistino en la strateto Zlatoustensk. Bona virino. Nature, ni ĉiuj estas kontentaj. Glor'al Dio ! La geedziĝo okazos post unu semajno. Venu al la festo.

— Sed kion tio signifas, Erast Ivaniĉ ? — demandas Makar Kuzmiĉ, pala, mirigita, kaj levas la ŝultrojn. — Kiel tio estas ebla ? Tio neniel estas ebla ! Mi ja havis intencon, mi ja nutradis sentojn je Anna Erastovna. Kiel do eblas ?

— Simple tiel. Oni fianĉinigis ŝin. La fianĉo estas deca.

Malvarma svito ekkovras la vizaĝon de Makar Kuzmiĉ. Li formetas la tondilon sur la tablon kaj ekfrotas sian nazon per la pugno.

— Mi ja havis intencon... ripetas li. — Tio estas neebla, Erast Ivaniĉ. Mi... mi ja estas enamiĝinta, farinta korproponon... Kaj la onklino promesis. Mi estis ĉiam estimanta vin kiel patron kaj mi ĉiam tondas vin senpage... Mi konstante faradis al vi favorojn ; kaj post la morto de mia patro vi prenis kanapon kaj monon, dek rublojn, kiujn vi ne redonis al mi. Ĉu vi memoras ?

— Kiel ne memori ? Mi memoras. Sed kia fianĉo vi estus ? Ĉu vi taŭgas por fianĉo ? Nek monon nek staton vi havas, via metio estas bagatela...

— Ĉu Ŝejkin estas riĉa ?

— Ŝejkin estas artelano.[1] Li deponis kvincent rublojn kiel garantiaĵon. Jes, frate... Cetere, senutilas pridiskutadi, ĉar la afero jam estas konkludita. Neeblas plu nefari ĝin, Maĉjo. Serĉu por vi alian fianĉinon. Troviĝos ankoraŭ... Nu, tondu ! Kial do vi staras senmove ?

Makar Kuzmiĉ silentas kaj ne moviĝas. Poste li eligas tuketon el la poŝo kaj ekploras. Erast Ivaniĉ penadas konsoli lin :

— Jen vi ploraĉas kiel virino. Lasu do, ne estas tiel grave... Finu unue mian kapon. Poste vi povos plori. Prenu la tondilon !

Makar Kuzmiĉ reprenas la tondilon, sensence rigardas ĝin dum minuto, post kiam ĝi elfalas el liaj tremantaj manoj sur la tablon.

— Ne povas mi ! — li diras. Nun mi ne povas, la fortoj forlasis min. Kia malfeliĉulo mi estas ! Kaj ŝi ankaŭ estas malfeliĉa... Ni ja amis nin reciproke, promesis unu al la alia, kaj malbonuloj senkompate disigis nin. Foriru, Erast Ivaniĉ ! Ne povas mi vidi vin.

— Mi do revenos morgaŭ, Maĉjo. Morgaŭ vi finos la tondon.

— Bone.

— Trankviliĝu. Mi revenos morgaŭ, frumatene.

Duono de l'kapo de Erast Ivaniĉ estas tondita ĝisfunde. Pro tio li similas al punlaborulo. Nature, estas maloportune resti kun tia kapo, sed kion fari ? Li reenvolvas la kapon kaj kolon per la ŝalo kaj eliras el la barbirejo. Restinte sola, Makar Kuzmiĉ sidiĝis kaj daŭrigis plori mallaŭte.

La morgaŭan tagon, frumatene, Erast Ivaniĉ revenas.

— Kion vi deziras ? — malvarme demandas Makar Kuzmiĉ.

— Fintondu, Maĉjo. Restas ankoraŭ duonkapo.

— Bonvolu antaŭpagi. Senpage mi ne tondas.

Erast Ivaniĉ nenion diras kaj foriras. Ĝis hodiaŭ ankoraŭ liaj haroj estas longaj sur unu duono de lia kapo, dum sur la alia ili estas mallongaj. Tondon pagatan li konsideras lukso kaj atendas, ke la haroj sur la duonkapo tondita reelkresku. En ĉi tiu stato li kunfestis la geedziĝon.

El la rusa : C. Rosen.

[1] Artel — asocio de kunlaborantoj kun komuna respondeco. En ĉi tiu okazo — asocio de portistoj, kies anoj deponis en la komunan kason certan monsumon kiel garantiaĵon por la valorajoj konfidataj al ili de la klientaro.

# AFORISMOJ

Ne malhelpu vin fariĝi io, rigardante vin kiel perfektan.

Unu vojaĝo tra la cerbo riĉigas nian spiriton pli multe ol dek vojaĝoj tra la mondo.

Neniu povas esti malsuprentirata per la vivo, se laŭdestine li ne troviĝas jam malsupre.

La plej grava homkono estas la homekkono ; ne nur scii, kiaj estas la homoj, sed ankaŭ, kial ili estas tiaj.

Malmulto sufiĉas por vera feliĉo ; sed per l'agado de la malsaĝuloj ne sciantaj tion, ĝenerale tiu ĉi minimumo al ni perdiĝas.

Ne riskante almenaŭ unufoje sian konfidon, neniu trovis efektivan amikon. Serĉi homojn de valora kerno postulas, ke ni dolore krakadu ŝelojn, malplenajn aŭ de putra enhavo.

Homaj promesoj : amaso da oro. Faroj de l'homoj : pigmea laboro.

Surtera potenco forprenas, subigas. Spirita — donacas kaj plifeliĉigas.

Ni povus havi altan kulturon, sed mankas la unua necesaĵo por ĝi : kulturaj homoj.

A. E. Cortinas.

---

En la nokto de la 31 januaro al 1 februaro mortis post mallonga malsano la direktoro de UEA, S-ro Robert Kreuz. La enterigo okazis la 4an de februaro en Ĝenevo en la tombejo St. Georges. La funebran ceremonion partoprenis, krom la familianoj : la prezidanto de UEA, S-ro generalo Bastien, reprezentita de S-ro Movo, la UEA-estraranoj S-roj Reg. Kons. H. Steiner kaj Prof. D-ro Inĝ. Rinaldo Orengo, la antaŭa direktoro de UEA, S-ro Hans Jakob, oficialaj reprezentantoj de la Ĝenevaj Esperanto-Grupoj, la oficistaro de la C.O. kaj multnombraj aliaj samideanoj kaj amikoj de la mortinto. Paroladis S-roj Movo por la Prezidanto, S-ro Steiner kaj S-ro Hans Jakob. La ĉerko estis plene kovrita de belaj kronoj kun konvenaj subskriboj.

---

Inter la kursoj, kiuj okazos en la venonta somero en Danlando, la kursoj en Silkeborg meritas specialan atenton. Al la kursoj venos ne malpli ol 14 geinstruistoj el 7 diversaj landoj. Kelkaj el la venontaj prelegistoj estas universitataj profesoroj. La prelegoj okazos kompreneble en Esperanto. La urbo Silkeborg kuŝas en la plej bela loko de Danlando. Venante al Silkeborg, oni ĝuos la feriojn kiel Esperantisto kaj kiel naturamanto. Vidu la anoncon en tiu ĉi numero. Petu la programon.

## Soneto al U.E.A.

*Ho vi, Universala Esperant-Asocio !*
*Vi estas familia kaj granda rondo bela;*
*Por la bonvolaj homoj, vi estas tur' babela*
*Farata kun la helpo de plej favora Dio.*

*Eŭropo, Ameriko, Afrik', Oceanio,*
*Azio: kune iru al fina paco hela,*
*Per sola direktilo de la parol' fidela:*
*la lingvo de konkordo, de vera harmonio.*

*Alvenu ĉiuj homoj, ĉu riĉaj, ĉu malriĉaj,*
*Alvenu malfeliĉaj, kaj same vi, feliĉaj*
*Alportu ĉiuj ŝtonon al la komuna Scio.*

*Alvenu el proksimo, ankaŭ el malproksimo.*
*Ke estu ĉies kapo, kaj koro, kaj animo:*
*Ho vi, Universala Esperant-Asocio !*

Lucien THÉVENIN.

## Mortis la knabeto

*Plenigis la korton*
*arĝente la rid',*
*ĝojsonoj kortiklaj*
*flugadis sen brid'.*

*Knabeto blondhara*
*kuradis kun gaj'*
*kaj regis en korto*
*eĉ vintre la maj'.*

*Sed iun majtagon*
*frostiĝis la gaj',*
*glacie alvenis*
*decembro en maj'.*

*Silento kaj muto*
*nun regas en kort',*
*per paŝoj potencaj*
*alvenis la Mort'.*

EMBA.



## Sur bulvardo

*Sur bulvardo — pluva veter'.*
*Venta blovo. Vintro. Vesper'...*
*Kaj vea voĉ' de violono*
*Ekvagas for en velka sono.*

*Sur bulvard', en pozo humila,*
*Staras hom' — al hundo simila.*
*Hararo hirta, kun rigard'*
*Malhele honta kaj sen ard'.*

*Arĉon li en kora funebro*
*Movas kun malforto kaj febro.*
*Li ludas — dum en lia ĉap'*
*Ekfalas mon' kun tinta frap'.*

*Sinjorin' je mano kompata,*
*Kun sinjor' je sano beata,*
*Almozon donas laŭ kutim'*
*Kaj iras kun trankvil-anim'.*

*Ho, vivo ! Ĉu almoz', rezigno ?*
*Ĉu tio estas via digno ?*

Mad MEVO.

## Ĥinaj proverboj

*Ne longe daŭras floro bela, ne longe daŭras la plenluno hela.*

*Kiam birdo estas mortanta, ĝi pepas malĝoje; kiam homo estas mortanta, li parolas bone.*

*Estas prefere esti hundo en paca tempo, ol homo dum milito.*

*Kiam galinago kaj ostro militas, la fiŝkapisto profitas.*

*Bati hundon estas insulti ĝian mastron.*

*Tagoj kaj monatoj rapidas kiel navedo.*

*Granda riĉeco dependas de la sorto, eta riĉeco — de laboremeco.*

*Malbonulo nature havas malbonulon kiel kontraŭulon.*

*Senpartie lumas sur ĉiujn la suno kaj la luno.*

*Malfacile estas por unu homo kontentigi mil homojn.*

*Kiam vorto eliris, eĉ kvar ĉevaloj ĝin ne retiros.*

*Feliĉo ne venas duoble.*

*Tra la buŝo malsano eniras, tra la buŝo malfeliĉo eliras.*

*(Tio signifas, ke manĝado aŭ trinkado povas kaŭzi malsanon kaj babilado povas alporti malfeliĉon.)*

*Se okulo ne vidas, buŝo ne deziras; se orelo ne aŭdas, koro ne maltrankvilas.*

*Kontenteco estas feliĉo.*

*En unu arbaro ne povas loĝi du tigroj.*

*Muron falintan ĉiuj puŝadas, tamburon rompitan ĉiuj batadas.*

*Unu sola kolono domegon ne povas subteni.*

*De la sorto dependas vivo longa aŭ mallonga.*

*Ĉio dependas de la sorto kaj neniel de la homo.*

Trad. CAJFONSO, Peiping.

XXVIII-UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN WIEN 1936
8-15. (1-18.) AŬGUSTO.






# 28-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN WIEN 1936

## 12-a SOMERA UNIVERSITATO

**(Prelegserio pri la temo : «Kulturaj kaj ekonomiaj problemoj de Mezeŭropo»)**

*Protektoro :*
s-ro Wilhelm Miklas, Federacia prezidanto de Aŭstrio

*Honora Komitato :*
prezido — Fed. Kanceliero Aŭstria, d-ro Kurt von Schuschnigg

*Membroj :*
La Registaro kaj la Rektoroj de la Vienaj Altlernejoj.

---

## GVIDAJ IDEOJ PRI LA 12-a SOMERA UNIVERSITATO

La 12-a Somera Universitato estas aranĝata en maniero tute nesimila al siaj antaŭaj modeloj. Dum la ĝisnunaj kongresoj parolis en Esperanto ekskluzive pri diversaj temoj de sia scienca fako diverslandaj scienculoj, nun ĉiuj prelegoj kaj paroladoj grupiĝos ĉirkaŭ unu komuna tre grava kaj aktuala temo, grava ne sole por Aŭstrio, sed ankaŭ por ĉiuj ĝiaj pli aŭ malpli proksimaj najbarŝtatoj, nome : « Kulturaj kaj ekonomiaj problemoj de Mezeŭropo ».

Tiu ĉi temo estos traktata de ministroj, reprezentantoj de diversaj registaroj, profesoroj kaj socialekonomoj el ĉiuj partoprenantaj ŝtatoj. Ĉiu parolanto faros sian referaton en sia gepatra, nacia lingvo *aŭ* en Esperanto ; en la *unua* kazo lia parolado estos tradukata Esperanten.

Por tiu ĉi Somera Universitato la diversaj Registaroj ĵus estis oficiale invititaj de la Registaro Aŭstria, kiu mem en ĝi partoprenos, kaj estas kredeble, ke la registaroj delegos reprezentantojn jam pro la *aktualeco de la temo* kaj pro la fakto, ke iliaj delegitoj povos nun paroli, la unuan fojon en la historio, ĉiu en sia gepatra lingvo, al plurmila elita aŭskultantaro el pli ol 40 nacioj. Krom la Aŭstria, ankaŭ la Bulgara kaj la Greka Registaroj akceptis delegi reprezentanton, aliaj registaroj espereble baldaŭ sekvos.

Por certigi al la Somera Universitato kiel eble plej grandan sukceson, LKK sendis aparte al la landaj Esperanto-asocioj la necesajn dokumentojn kaj presaĵojn, instigante, ke ili, siavice, prezentu al sia Registaro la peton pri delego de oficiala reprezentanto al la 28-a kaj al ties Somera Universitato. Tiu reprezentanto povas esti aŭ oficiala delegito de la Registaro aŭ esperantisto-kongresano, rajtigita de sia Registaro al oficiala reprezentado. Ĉiuj referatoj kaj prelegoj havu plejeble oficialan karakteron, tial estas konsilinde, ke la delegitoj prezentu sian paroladon antaŭe al la registaro por aprobo.

Niaj eminentaj samideanoj kaj aliaj eminentuloj en la diversaj landoj, dezirantaj fari referaton pri la supre nomita temo, estas petataj anonci tion al ni kun preciza indiko de la titolo kiel eble pelj frue, ĉar povas okazi, ke poste, pro troŝarĝo de la programo, ilia parolado ne povus bedaŭrinde aperi plu sur la tagordo.

El tio sekvas, ke Somera Universitato de Viena Kongreso havos tute specialan karakteron : ĝi estos kvazaŭ grandstila internacia peresperanta fak-konferenco en la kadro de tutmonda Esperanta manifestacio. Kiel la sola lingvo por tradukado estos aplikata ekskluzive Esperanto. Per tiu akto la unuan fojon okazos, ke ĉe internacia kongreso eĉ la reprezentantoj de la tiel nomataj « *malgrandaj* nacioj », malgrandaj ne laŭ la grado de sia kulturo, sed sole laŭ la nombro de sia loĝantaro, kies lingvo eksterlande estas ĝenerale nur tre malmulte uzata, povos sin turni rekte *en sia gepatra, nacia lingvo* al diversnacia publiko el ĉiuj mondpartoj kaj ili povos esti rekte komprenataj de la reprezentantoj de l'nacioj, partoprenantaj en la kongreso, per la tutmonda helplingvo Esperanto. Per tio tamen ankaŭ la *malgrandaj* nacioj venas al sia rajto, dank al Esperanto, povi sur *internacia forumo* sin esprimadi en sia propra lingvo. Kaj ni konstatos kun ĝojo kaj kun fiero la mirindan fenomenon, ke tiu Esperanto, pri kiu ĝiaj kontraŭuloj siatempe asertis, ke ĝia grandskala uzado povos subfosi la signifon kaj disvastiĝon de la naturaj naciaj lingvoj, ke ĝuste tiu ĉi Esperanto ebligos la realigon de unu el la plej gravaj kaj justaj *naciaj* postuloj, nome : *la egalrajtigon de ĉiuj naciaj lingvoj sur la kampo de internacia kultura kaj politika kooperado* !

La landaj Esperanto-asocioj estas do petataj, transdoni kaj subteni la peton pri oficiala reprezentateco al la Somera Universitato al sia registaro kaj raporti laŭeble baldaŭ la rezulton de siaj ĉi-rilataj klopodoj al LKK. En la kazo, se la delego de oficiala reprezentanto al la Som. Univ. ne estus ebla, la E.-Asocio petu pri delego de iu membro de la legacio de sia Registaro en Wien, kiu faru referaton pri la temo.

Ni estas certaj, ke dank' al la unuigita penado de LKK kaj de la landaj Esperanto-asocioj en tiu afero, la Somera Universitato de la Viena Kongreso signifos grandan paŝon antaŭen sur la vojo al praktika aplikado de Esperanto en la interpopola publika vivo kaj instigos la registarojn laŭ faritaj spertoj al pli granda apogo de Esperanto kaj ties ĝenerala enkonduko en la lernejojn. Kaj kontribui efike al atingo de tiu ĉi alta celo, estas unu el la plej gravaj taskoj de nia Viena Somera Universitato. **Loka Kongreso Komitato.**

**Ĝis nun aliĝis al la Kongreso pli ol 500 personoj el 27 landoj de ĉiuj kontinentoj.**
**La preciza programo de la Kongreso aperos en la sekvanta n-ro de la gazeto.**

*Leter-kaj Telegramadreso :*
**ESPERANTO, WIEN, HOFBURG**

# FAKTOJ POR LA PROPAGANDO

— La Foiro de Parizo, kiu nuntempe prezentas unu el la plej gravaj internaciaj merkatoj, denove eldonis, okaze de la Foiro de 16 majo- 2 junio 1936, belege ilustritan prospekton en kupropreso kaj ankaŭ afiŝojn, enhavantajn la indikon « Esperanto uzata ».

— La Foiro de Vieno (8-15 majo 1936) eldonis artaspektan prospekton en Esperanto. Ĝi estas senpage havebla ĉe Zentralbüro der Wiener Messe-A. G., Wien VII., Aŭstrio.

— La Lyon'a Internacia Foiro de jaro al jaro plivigligas sian peresperantan propagandon. Okaze de la ĉi-jara foiro (5-15 marto 1936), la Foira Propaganda fako eldonis 5-koloran afiŝon en Esperanto, novan kaj bele ilustritan dukoloran prospekton en Esperanto kaj kvardekpaĝan broŝuron kun klarigoj en Esperanto. La Foiro sendas tiujn presaĵojn senpage al ĉiuj interesitoj: Foire de Lyon, Esperanto-Fako, rue Ménestrier, Lyon.

— La urbestraro de Tomaszow-Mazowiecki eldonis, kun helpo de turisma servo de UEA, ilustritan 8 paĝan faldprospekton en Esperanto, kiu enhavas detalajn informojn pri la urbo kaj la ĉirkaŭaĵoj.

— La ĉiusemajnaj bulgaraj gazetoj « RADIO-SOFIA » kaj « ĴELEZNIĈARSKI PODEM » (organo fervojista) enkondukis esperanto-paĝon, redaktatan de S-ro Krestanov.

---

# KRONIKO

La *gazetservo* de Hungarlanda Esperanto-Societo sendas ĉiumonate sciigojn al pli, ol 40 adresoj. Precipe provincaj gazetoj aperigas ilin regule. (Adreso : P. Balkanyi, Budapest 507).

---

La nombro da artikoloj kaj notoj, aperintaj en norvegaj gazetoj dum 1934, estis meznombre ĉ. 55 monate. En 1935 la nombro estis : en septembro 92, en oktobro 116, en novembro 101.

---

En Utrecht s-ino Isbrücker kaj Pastro Cseh parolis la 7-an de januaro pri Esperanto kaj la Cseh-metodo. La 10-an de januaro sro. Glueck faris paroladon pri Praha kiel urbo de la arto, scienco kaj muziko.

Ambaŭ paroladoj staris sub la protekto de honora komitato, al kiu apartenis la direktoroj de ĉiugradaj lernejoj, de la eklezioj, la direkcio de la ŝtataj fervojoj, la direktoroj de la poŝto kaj de la foiro, la prezidanto de la komerca ĉambro kaj la ĉefredaktoroj de preskaŭ ĉiuj gazetoj. La direkcio de la fervojoj kaj de la poŝtoj rondirigis cirkuleron inter la oficistaro, rekomendintan la partoprenon je la Cseh-kurso. 100 artikoloj proksimume estis dediĉitaj en la gazetoj al tiuj paroladoj.



La gazeto « Utrechtsch Nieuwsblad » enkondukas Esperantan rubrikon, redaktatan persone de la ĉefredaktoro S-ro D-ro Goedhart.

---

La prezidanto de la internacia kongreso, kiun de 16 ĝis 20 de aprilo okazigas en Utrecht (Nederlando) la « Laborkomunumo por renovigo de la edukado kaj instruado (Internacia Kongreso de New Education Fellowship) " oficialigis Esperanton inter la kongres-lingvoj. Ĉiuj paroladoj kaj ĉiuj diskutadoj estos tradukataj ankaŭ Esperanten. La tradukoj okazos samtempe per mikrofonaparatoj).

La ĉefa kongres-temo estas : « Lernu kunvivi ». La programo enhavas paroladojn de multaj famaj sciencistoj kaj pedagogoj. Nia samideano Prof. Julius Glueck parolos pri « Esperanto en la servo de la kunvivo ».

---

La Nederlanda Esperanto Asocio : « La Estonto estas Nia », intencas okazigi tendaron en unu el la plej belaj partoj de la lando, nome en la provinco Utreĥto sur la kampejo de la Nederlanda Protestanta Ligo, Ryksstraatweg 91, Soesterberg.

La kampado daŭros de la 21a la 28a de Julio ĝis, do sep tagojn, dum kiuj oni povos ĝui la belan naturon, migri tra pin-arbaroj kaj erikejoj, esti libera, babili kaj konversacii kun samideanoj kaj samtempe fari ekskursojn, rigardi naciajn kostumojn en malnovaj vilaĝetoj, viziti la naturbanejojn en Bilthoven kaj Soestdyk, la belegajn lagojn de Loosdrecht k.t.p.

La kostoj estas :

Nur po 20 guldenoj (40 sv. fr.) por ĉiu persono ĉe ĝis 50 partoprenontoj.

18.75 guld (37.50 sv. fr.) por ĉiu pers. ĉe 50-100 partoprenontoj.

Po 17.50 guld. (35 sv. fr.) por ĉiu pers. ĉe pli ol 100 partoprenontoj.

Oni povas ankaŭ partopreni dum malpli ol 7 tagoj, pagante tiam proporcian sumon.

Oni estas invitata aliĝi jam nun pagante 10 guldenojn (20 sv. fr.) al la poŝtĉekkonto nº 22075 de la tendargvidonto F. Weeke, Meezenlaan 41, Den Haag, kiu ankaŭ volonte donos pliajn informojn.

---

**Al la internacia instruistaro**

Karaj gekolegoj !

Esperanto vivas ankoraŭ en Germanlando ! Tie ekzistas ankoraŭ — pri kiu vi ŝajne tute forgesis — la INTERNA KORESPONDO — OFICEJO de IALA. Ĉi tiu oficejo peradas korespondadon inter geinstruistoj kaj gelernantoj de la tuta mondo. La perado estas senpaga. Do, kiam vi serĉas Esperanto-korespondadon, anoncu vin ĉe ni ! La anonco enhavu jenajn informojn : kompleta adreso — aĝo — speco de la lernejo, en kiu vi instruas aŭ kiun la gelernantoj vizitas — nombro de la anoncitaj knaboj kaj knabinoj — deziritaj temoj kaj interrilatoj — specialaj deziroj. Kiam mi ricevos sufiĉe da materialo, mi aperigos viajn anoncojn en apartaj korespondo-listoj. Ĉi tiuj listoj aperos kiel aldonoj al Internacia Pedagogia Revuo en Marto, Majo, Julio, Septembro kaj Novembro de ĉi tiu jaro kaj tiamaniere estos disvastigataj en ĉiuj landoj.

La sekretariino : Marta MOELKE

Berlin-Steglitz, Hünensteig 8 a

Germanujo.

# BIBLIOGRAFIA SERVO DE UEA

*Delfi Dalmau*: Ilustrita Lernolibro de Esperanto por praktika. Eldonis Delfi Dalmau, Apart. 5081 Barcelona (Hisp.) 24 paĝoj. Formato 17 × 23½ cm. Prezo 1 ekz. = 1 angla ŝ., 30 ekz. = 1 angla L. (1936-5).

*Stjepan Mišak.* Tra mistera Oriento aŭ miaj memoraroj, 2a volumeto. Eldonis : Stjepan Mišak, Giritli Mahallesi No. 110, Adana (Turk). Paĝoj 45-82. Formato 8 × 10 cm. Prezo 2 intern. respond-kuponoj. (1936-6).

*Stjepan Mišak.* Tra mistera Oriento aŭ miaj memoraroj, 3a volumeto. Eldonis : Stjepan Mišak, Giritli Mahallesi No. 110, Adana, (Turk). Paĝoj 83-120. Formato 8 × 10 cm. Prezo 2 intern. repondkuponoj. (1936-7).

# Tra la Libraro

**Literaturo. — Legolibroj. — Lernolibroj. — Vortaretoj. — Fakaj verkoj. — Adresaroj. — Diversaĵoj.**

Unuavice venas du libroj, zorge eldonitaj, de famaj aŭtoroj kaj konataj tradukantoj.

Nova verko de l'sveda dramisto *Strindberg*, traduko de *Stellan Engholm*, ne aperos neatentita. PASKO, triakta, ankaŭ tritaga, dramo samtempe pentras simplajn morojn de malfeliĉaj familianoj, kaj alegorias pri suferoj naskantaj animaltiĝon. La stranga Eleonora, junulino parolanta aforisme, kiu senkonscie fabelas aŭ profetas, la sento de peza angoro, kiu premas ĉiujn ĝis la feliĉa solvo, cetere maloftaĵo ĉe tiu aŭtoro, jen du trajtoj de l'teatraĵo. La traduko, krom kelkaj vortoj aŭ esprimoj riproĉindaj, estas flua, forta, impresa.

Ankaŭ pro ĝia verkinto, la VIVO DE ARNALDO, de *Benito Mussolini*, traduko de *K. Kalocsay*, vekos scivolon. Ĝi ankaŭ rekompencos scivolulojn, ĉar ne nur biografion de rimarkinda homo kaj ĵurnalisto ĝi liveras, sed ĝi ankaŭ iel malkaŝas la menson de l'aŭtoro ; cetere ĉi tiu sukcesis eviti du danĝerojn : troa laŭdo de intimulo kaj pledado por persona agado. La infanaĝaj rememoroj, la frapo post fila morto estas arte elvokataj. Vivo de Arnaldo tiel resumiĝas : « La doloro lin maturigis antaŭ ol lin mortigi ». Nenion novan ni diros menciante, ke la traduko havas stilon klaran, trafan, rektan, tre ŝatindan, malgraŭ oftaj neologismoj.

La dua libreto de *A. Kenngott* pri USONO agrable daŭrigas konigi la apartaĵojn de ofte miskonata lando ; la ĉapitroj pri beleco arta de l'nubskrapuloj, la detaloj pri aranĝoj kaj vivo en la « urbaregoj » fontas el propra sperto kaj estas bonhumore raportitaj.

Morojn kaj persekutojn preskaŭ nekredeblajn en TRA MISTERA ORIENTO, kuraĝe rakontas *Stjepan Mišak.* Estas regionoj, kie influo de okcidenta civilizo restis tre supraĵa. Ni ne riproĉis la aŭtoron-eldoninton pro verŝajne ne venkeblaj mankoj materiaj kaj lingvaj en lia libreteto.

En ESPERANTA KANTARETO, *H. Salokannel* kolektis tradukojn de Finlandaj religiaj kaj popolaj kantoj ; la du dekduoj da tekstoj estas bone esperantigitaj, kio ja ne estas infanludo.

---

Belaspekta estas la 2a eldono de ESPERANTA LEGOLIBRO de *Bruno kaj Elio Migliorini* ; ĝiaj nelongaj multaj tekstoj, tre variaj, distraj aŭ instruaj, taŭge elektitaj el malnovaj aŭ pli freŝdataj publikigaĵoj kondukas nin tra ĉiuj kampoj de la vivo kaj de nia lingvo. Vere rekomendinda perfektigilo.

Por la ESPERANTAJ HISTORIETOJ, 1, de *Peter Frey*, ankaŭ bele eldonita, oni bedaŭros la tro malgrandan litertipon. La aŭtoro prilaboris historietojn, anekdotojn konatajn aŭ novajn, celante kaj sukcesante provizi komencantojn per facilaj, interesaj prozaĵoj.

EL TRAGEDIOJ, de *Shakespeare*, 3-a kajero de : Esperanta Legolibro de Mondliteraturo, kompilaĵo de *Mijake-Ŝihej*, represas scenojn de l'jam tradukitaj dramoj : Makbeto, Julio Cezaro, Reĝo Lear, Hamleto, kaj kelkajn sonetojn. Ĉiu dramo estas skize rakontata, kaj komentario klarigas la malfacilajn esprimojn. La bela libreto, tute esperantlingva estas ĉie uzebla.

Male pri la du rakontoj de *G. P. Stamatov* : VILAO APUD LA MARO, KAJ EN LA TOMBEJO, N° 2 de Biblioteko Esperanto-Ĥina ; ĝi represas sur unu paĝo la esperantan tradukon de I. V. Krestanoff, kaj sur kontraŭa paĝo la ĥinan tradukon de *Kinkemo.* Taŭga instruilo por Ĥinoj, sed literature estas nekonsilinde retraduki tradukaĵon.

---

ĈU VI PAROLAS ESPERANTE estas Esperanto-Ĥina konversacia gvidilo por komencantoj, kompilita de *Cajfonso.* Unua parto listigas sur du kolonoj grandan kolekton da frazoj por la diversaj okazoj de l'ĉiutaga vivo ; dua parto, same aranĝita, estas vortlistoj laŭsence ordigitaj. La esperanta teksto estas tute korekta ; mi ne parolas pri la ĥina, kiu restas por ni nekompreneblaĵo.

Dr SZILAGYI'S KURS I ESPERANTO, tiel titoliĝas reverko por Svedoj de lernolibro por Hungaroj. La teksto estas nova, pli ampleksa, la spritaj bildetoj, multaj el la Adamson'a serio, multigitaj. Legaĵoj kaj gramatikaj notoj akompanas la 26 lecionojn, kiuj bazas la instruon sur senĉesa demandado kaj respondado per frazoj.

ESPERANTSKY DOPISOVATEL (Esperanto korespondanto) de *Julie Šupichova* prezentas sur du kolonoj, en ĉeĥa kaj esperanta lingvoj, porleterajn frazojn, leterajn kaj dokumentajn modelojn. Vortareto ĉeĥa-esperanta kompletigas tiun taŭgan fakan instruilon.

FREUDE DURCH ESPERANTO de *Hugo Steiner*, fondinto de l'Esperanta Muzeo en Wien, estas lernolibro por germanlingvanoj, kie la instrua sperteco de l'aŭtoro montriĝas per la divido de l'lernotaĵo inter la 26 lecionoj, per la elekto de l'ekzercoj. Tamen nenio justigas la titolon pli por tiu gramatiko ol por aliaj samspecaj, kaj listo de korektotaĵoj ne estas ornamo por lernolibro.

La GRAMATICHE ESPERANTO PA I LADINS FURLANS de *A. Tellini* enhavas gramatiketon kaj vortaron (radikoj de Oficiala klasika libro) por parolantoj de Friula ladina lingvo. Ĝi do estos interese komparata kun la pli frue aperinta Romanĉa ŝlosilo.

ĈU VI DEZIRAS KORESPONDI de *Margrethe Noll* kolektas en broŝureto konsilojn por korespondantoj kaj modelajn frazojn por verki leterojn, por komenci aŭ finigi ilin.

La KORT LÆRBOK I ESPERANTO de *Karl Fröding* donas, en ok lecionoj kun klarigoj, vortlistoj kaj ekzercoj, la materion de kurso per korespondado.

En la SAMIDEANA VORTARO de *Julie Šupichova* estas abocoe ordigitaj bonaj konsiloj ; ĉiu citita vorto komencas frazon ĉu sentencan, ĉu proverban, ĉu ironian ; bonintencaj, foje naivaj, tiuj diroj ofte artefarite rilatas al la vorto elektita.

ESPERANTO-HISPAN-AMERIKA VORTARETO de *Jesus Amaya* estas aranĝita kiel la ŝlosiloj, sed pli detala; ĝi akceptis sencojn de mallongigoj aŭ de U.S.S.R.aj terminoj; ankaŭ interesa ĝi estas, ĉar la hispanaj partoj estas verkitaj per O.F.R.I. t.e. Ortografio Fonetika Racia Hispanamerika; speciala ĉapitro klarigas tiun fonetikon. La aŭtoro proponas uzi formojn, kiel: « la pagunto, la ŝparuto ».

Tri novaj au reeldonitaj ŜLOSILOJ kun la kutima enhavo de tiuj utilaj libretoj estas:

KLUC JAZYKA ESPERANTO por *Slovakoj*, dua eldono kun reformita ortografio.

SLEUTEL VIR ESPERANTO por loĝantoj de Sudafriko parolantaj la *Kabholandan lingvan*;

NØKKEL TIL ESPERANTO, dua korektita kaj kompletigita eldono por *Norvegoj*.

---

KVIN PAROLADOJ de *Henry Drummond* estas tradukitaj el angla lingvo de *Arthur T. Maling*. La aŭtoro estis profesoro de Natura scienco kaj de Teologio, do konsideris unuigeblaj kredon kaj scion. Sed liaj instruoj neniel utiligas sciencan observon kaj rezonon; ili predikas puran kristanan fidon kun multaj referencoj al bibliaj versoj. Tiuj elokventaj edifaj paroladoj estas bone esperantigitaj.

LA PSALMO DE ĜUSTA KREDO, kompilita de *Kono-Zyĉe*, estas originale ĥina versaĵo, kun 210 sepsilabaj linioj, do 840 ideografoj, densa resumo de la esenca doktrino de sanktulo Sinram, vivinta komence de l'13-a jarcento, kaj fondinto de la plej influa Budhana sekto. La libreto donas esperantan tradukon, japanan tradukon kaj la ĥinlingvan originalon kun fonetika prononco. Malgraŭ piedpaĝaj klarigoj, la teksto bezonus, kiel diras la kompilinto, ampleksan komentarion por ke laikoj povu profiti ĝin.

ĈU SOCIALISMO KONSTRUIĜAS EN SOVETIO? estas interesa nuntempa politika studo de *E. Lanti kaj M. Ivon*, aranĝita en dialoga formo inter tri personoj. La ĉefa aŭtoro, Lanti, ja majstras nian lingvon. Ni citu el ĝi almenaŭ paragrafon: « Kiuj ĉe la komenco de l'XX-a jarcento opiniis, ke forpasis la tempo por spontana naskiĝo de religioj, tiuj grave eraris. La rasismo de Hitler kaj Rosenberg, la italianismo de Musolini kaj la marks-leninismo de Stalin montras okulfrape tiun eraron al tiuj, kiuj ne estas blindaj. Kaj tiuj tri malsamaj religioj havas komunan trajton: La Stato estas dirigita kaj ĉiopova; la ŝtatanoj devas ĉiarilate obei al tiu diaĵo kaj esti ĉiam pretaj oferi sian vivon por ĝia defendo. »

La HISTORIO PRI LA SKISMO EN LA LABORISTA ESPERANTO-MOVADO informas per dokumentoj pri bedaŭrinda disiĝo inter S.A.T. kaj S.F.V. en U.S.S.R. Ŝajnas, ke malkonsento inter du konataj propagandistoj, Lanti kaj Drezen, estas kaŭzo aŭ sekvo de disputo.

Broŝuro de *E. Lanti*, jam diverslingve tradukita, aperas en franca teksto de *R. Gilbert* sub titolo L'ESPERANTISME PROLÉTARIEN. Ĝi batalas kontraŭ la ideo organizi la Esperantan laboristan movadon laŭ la politikaj partioj kaj defendas la nunan vidpunkton de S.A.T.

---

Nova eldono por jaro 1935-36 de la BES'A ADRESARO, kun ĝia konata aranĝo; ĝi bedaŭrinde ne estas sufiĉe internacia, kaj ĉefe du landoj anoncas korespondantojn: Ĉeĥoslovakio kaj Hispanujo.

Sub titolo MATRIKEL 1935 aperas la adresaro de Sveda Esperanto-Federacio kun raportoj pri asocia agado, pri propagando, pri la kongreso en Stockholm, kun bela bildo.

Same impona, 193 paĝoj, la ADRESARO DE JAPANAJ ESPERANTISTOJ, dividita laŭ insuloj kaj provincoj de l'lando. Ĝi servos nur por Japanoj, ĉar eksterlanduloj ja ne konas la japanan literaron.

---

Ni citu ankoraŭ jenajn ricevitaĵojn: gvidlibreton pri urbo KOLIN, en Ĉeĥoslovakio, kun historia kaj priskriba partoj; du broŝuretojn en Ido: SKOTA JOKI (skotaj spritaĵoj) kun ŝercoj pri la skota avareco, NOVA VOJO, maŝinskriba kopio de 11 receptoj por vegetaraj manĝaĵoj.

Estimataj legantoj, kiel ankaŭ eldonistoj kaj verkintoj, bonvolu ne riproĉi la recenzanton, ĉar li malmultvorte priparolis novajn presaĵojn. Al ekstrema koncizeco oni kondamnis lin pro spacomanko en la gazeto.

G. S.

# KIEL ESPERANTO POVOS EFIKI

AL GASTAO MARIA LORENA FERREIRA DA FONSECA.

Tre kara amiko!



Ĉiuj scias, kiel en la tempo de la granda milito nia UEA servis, serĉante malaperintojn, helpante en severa neŭtraleco la kaptitojn, ĉiel uzante siajn bonvolon kaj oferemon je la bono de la Esperantista familio.

Nun mi deziras montri al la portugaloj, al tiuj kiuj ankoraŭ skeptike dubas pri la virtoj de nia lingvo, ke ĝi ekzistas, ke ĝi povas esti plej utila, ke, eĉ private, ĝi povas solvi la plej malfacilajn problemojn.

Unu el miaj amikoj, lerta esperantisto, sentema esperantismulo, malaperis. Ĝis nun estis vanaj ĉiaj klopodoj por trovi lin: private, oficiale, per la polico.

Mi havas en miaj manoj leterojn de lia patrino, de lia patro, de liaj amikoj — ĉiuj petegas mian intereson al la afero. Mi volas helpi kaj esperplene atendas miraklon de nia Esperanto.

Vi scias, kara amiko, pri kiu mi parolas. Helpu min. Vi, ankaŭ esperantisto, ne povos rifuzi vian taŭgan helpon. Mi deziras, ke li vizitu min, ke li alvenu al mi. Se mi sukcesos, la gepatroj benos Esperanton, kaj mi, mi sentos la plej grandan ĝojon de mia esperantista vivo.

En la espero al via kunlaboro, mi estas, tre kara amiko,

Samideane via

Saldanha CARREIRA, Ĉefdelegito de UEA.

# OLIMPIAJ LUDOJ KAJ ESPERANTO

En Berlin fondiĝis komitato por servi al ĉiuj Esperantistoj, kiuj intencas ĉeesti la Olimpiajn Ludojn en 1936. La estro de la komitato estas S-ro Walter Dempwolff, Essener Strasse 13, Berlin N. W. 21.

Li estas nomita de Germana Esperanto-Asocio por plenumi ĉiujn aferojn, kiuj koncernas la Olimpiajn Ludojn. Al li bonvolu sin turni ĉiuj interesitoj, kiuj deziras skribajn informojn pri la O. L. Por respondo oni bonvolu aldoni internacian respondkuponon.

Dum la daŭro de la O.L. la komitato funkciigos informejon por Esperantistaj vizitantoj, en kiu eksterlandaj samideanoj dum la tuta tago trovos ĉiun helpon rilate al O. L. (gvidadon tra Berlin ktp.). La informejo troviĝos en

*Tramondo-vojaĝoficejo Friedrich Ellerziek.*

*Saarlandstr.* 18, *Berlin SW* 11 (Tel. A 9 Blücher 0656).

Esperantistoj, kiuj vizitos la O.L., anoncu sin krom al la Olimpa Komitato ankaŭ al S-ro Dempwolff. La Berlinaj samideanoj faros sian eblon por agrabligi al la gastoj la restadon en la germana ĉefurbo.

---

# Nacia kongreso de Esperanto en Ljubljana

## Pentekostoj 30/V - 2/VI 1936

Ljubljana, la tria ĉefurbo de Jugoslavujo, estas certe unu el la plej interesaj urboj de meza Eŭropo. Ĝia geografia situo estas eminenta. Ljubljana ligas la nordon kun la sudo, ligas okcidenton kun Balkano. La urbo mem, pedante pura, estas nomata « Blanka Ljubljana », ĝi ne estas tro granda, sed tamen nombras 80.000 loĝantojn. Kiel centro de slovena kulturo, ĝi famas pro siaj monumentoj, belegaj parkoj kaj kulturhistoriaj vidindaĵoj. Ljubljana estas la plej ŝatata *kongresurbo.*

Dum Pentekostoj kunvenos ĉi tie jugoslavaj esperantistoj por kune festi la ideon de solidareco inter la popoloj, por montri al la publiko kaj al la regantaj rondoj la forton de nia Esperanto. Jugoslavujo estas pro sia malalta valuto tre malmultekosta, precipe por landoj kun bona valuto. *Neniu alia lando estas tiel heterogena kiel Jugoslavujo kaj ĝuste la provinco Slovenio.*

La LKK preparos treege interesan esperantan akademion, ekskursojn kaj la prezentadon de nova, moderna, tamen tutmonde jam konata dramo « Servisto Jernej kaj lia rajto » en Esperanto. *Oni disaŭdigos la plej interesajn partojn de la kongreso per radio Ljubljana.*

Gesamideanoj el najbaraj landoj estas invitataj al la kongreso. Kongresa kotizo estas sv. fr. 2.—. Pro informoj oni sin turnu al « *Esperanta klubo (kongreso), Ljubljana, Jugoslavujo. Sur ĉiuj fervojlinioj de Jugoslavujo* 50% *rabato, vizoj senpagaj* !

**Ĉu vi jam pagis vian U E A - kotizon por 1936 ?**

# LA XXVa BELGA ESPERANTO - KONGRESO

okazos en La Louviere dum la pentekostaj festotagoj (30-31 majo kaj I junio 1936).

Kongreskotizo : 15 belgaj frankoj. Poŝtĉekkonto N° III. 910 de XXVa Belga Esperanto-Kongreso, 1, rue St-Joseph, La Louvière. Enlanda fervoja rabato : 35%.

La L.K.K. starigis treallogan programon, entenantan uzinkaj muzeovizitojn, ekskursojn, parolantfilman prezenton, festenojn, balojn, laborkunsidojn k.t.p., kiu kontentigos ĉiujn belgajn kaj alilandajn gesamideanojn. Plie, ĝi eldonis belajn reliefajn glumarkojn (100 ekzempleroj estos sendataj post pago de 5 frankoj), kaj belan senpagan faldfolion, enhavantan ĉiujn informojn pri la urbo kaj la Kongreso. »

---

# KLARIGOJ kaj KONSILOJ

1) *S-ino B. (Jugoslavujo).* Se vi ne havas en via urbo okazon paroli Esperante, legu laŭte duonhoron aŭ almenaŭ kvaronhoron ĉiutage.

2) *S-ro Z. (Meksiko).* Vi povas skribi al viaj eŭropaj liverantoj en Esperanto. Se ili ne komprenas la lingvon, ili facile trovos tradukiston. Estas rekomendinde je la komenco de la letero indiki la adreson de la delegito aŭ de la Esperanto-grupo en la urbo de la ricevonto (Laŭ la UEA-Jarlibro.)

3) *S-ino V. (Italujo).* Vi eraras. Jam hodiaŭ Esperanto havas ne nur moralan, sed ankaŭ grandan praktikan valoron. Pri detaloj ni skribas al vi aparte.

4) *F-ino K. (Nederlando).* Vi opinias, ke la klopodoj forigi la malbonon de lingva malsameco estas peko, ĉar direktitaj kontraŭ la volo de dio. Sed tiam vi ankaŭ ne devas inviti kuraciston al malsanulo. Cetere la papo ripete benis la laboron de katolikoj-esperantistoj.

5) *S-ro B. (Polujo).* En la urbo, kiun vi volas viziti kaj kies morojn kaj lingvon vi ne konas, certe ekzistas almenaŭ kelkaj Esperantistoj. Vi do ne sentos vin tie sola. Ili volonte gvidos vin tra la urbo, sciigos vin pri la loka regularo de la ĉiutaga vivo, interrilatigos vin kun la personoj, kiujn vi bezonas, estos viaj tradukistoj ktp.

6) *S-ro L. (Francujo).* Esperanto kostas al vi certan monsumon ĉiujare. Via plendo mirigas nin. Ĉu teatro, koncertoj, libroj, ĵurnaloj nenion kostas al vi ? Ĉu vojaĝoj, radio, floroj nenion kostas ? Apenaŭ ekzistas materia aŭ ideala bezono, kiun oni povas kontentigi senpage. Pro kio Esperanto devas esti escepto ?

7) *F-ino S. (Anglujo).* Vi estas tute prava. Multaj estas la kritikistoj, sed malmultaj la « faristoj ».

8) *S-ro D. (Danujo).* Vi ne surhavas Esperanto-signon, ĉar vi estas principe kontraŭ ĉiaj honor- kaj meritsignoj. Via opinio estas certe sekvo de miskompreno. Per nia signo ni volas nur montri al la hazarde rekontitaj eksterlandaj esperantistoj, ke ni povas esti alparolataj Esperante. Estas konsiderinde, ke dum la valoro de iu ordeno estas des malpli granda, ju pli estas la nombro de ĝiaj portantoj, la signifo de Esperanto kreskas kun la nombro de la Esperanto-signoj, vidataj en la stratoj, kunvenoj kaj aliaj publikaj lokoj.

M. M.

## Nova sukceso en Danlando

Post multaj kaj longaj klopodoj Dana Esperanto Instituto sukcesis translokigi siajn *Internaciajn Feriajn Kursojn Esperantajn* al la Internacia Altlernejo en Helsingor, loko konata el « Hamleto ». Tiu altlernejo estas unika en sia speco, ĉar ĝi estas vere internacia, instruante pri ĉiu ajn kultura afero per ĉiuj modernaj lingvoj. Ĝis nun Esperanto ne estis aplikata tie.

La Internaciaj Esperantaj Kursoj okazos en la venonta somero :

I. Por geinstruistoj-komencantoj laŭ Cseh-metodo de 19.7-25.7, sub gvidado de la eminenta Cseh-pedagogo F-ino M. Saxl. Tuta prezo por loĝo, manĝo kaj kurs-kotizo nur 35.— Kr. aŭ 24.— sv. fr. La malaltan prezon kaŭzas la malmulta valoro de la dana krono.

II. Por progresintoj de 26.7-5.8.

III. Prepara kurso por Cseh-metodaj geinstruistoj, ankaŭ de 26.7-5.8.

La kursojn II kaj III gvidos F-ino Saxl, S-ro de Waard kaj aliaj diverslandaj eminentuloj. Prezo por II*a* aŭ III*a* kurso por loĝo, manĝo kaj kurskotizo nur 50.— Kr. aŭ 34 sv. fr.

La kursojn aranĝas kaj garantias Dana Esperanto Instituto. Detalaj informoj aperos poste.

## XVII-aj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

Ĝis la fino de la pasinta januaro la komitato de la Internaciaj Floraj Ludoj, kiuj okazos dum proksima pentekosto en la bela kataluna urbo Manresa, ricevis 25 premiojn kiuj, krom la premioj en librolotoj kaj arto-objektoj, sumas 900 pesetojn.

Multaj manuskriptoj estas jam alvenintaj por partopreni la cititan literaturan konkurson kaj aliaj estas ankoraŭ atendataj ĝis la datolimo, kiu estis fiksita je la 15 aprilo 1936.

La personoj, dezirantaj partopreni tiun-ĉi literaturan feston kaj nekonantaj ĝian internan funkciadon, bonvolu peti klarigantan prospekton de la Sekretario, carrer Valéncia, 245, Barcelona (Katalunujo).

## Enketo pri la Televidado

Ĉar la televidado estas unu el la plej aktualaj temoj, ni dezirus, per esperanto, ricevi la plej certajn informojn pri la nuna stato de la demando en la diversaj landoj. La rezultato de tiu ĉi enketo estus publikigota en esperantaj revuoj kaj se la respondoj estus sufiĉe interesaj, oni klopodus por ke nacilingvaj tradukoj estus represataj en la naciaj ĵurnaloj. Tio montrus al la skeptikuloj kion oni povas atingi per esperanto. La precizaj kaj ne tendencaj informoj, publikigitaj pri tiu ĉi demando, estas ĝis nun sufiĉe malmultaj.

Do ni petas, ke vi bonvolu diri al ni kiel eble plej objektive (parolante ne pri la esperoj sed pri la efektivigitaĵoj), kiu estas la nuna stato de la televidado en via lando ?

Por plifaciligi al vi la taskon, ni donas ĉi-sube demandaron ; sed vi povas doni viajn informojn en la formo, kiu plej plaĉos al vi.

Eĉ se nenio estis farita en via lando pri televidado, ni estus al vi tre dankemaj, se vi bonvolus tion sciigi al ni sur simpla poŝtkarto.

### Demandaro

1) Kiom da sendstacioj de televidado ekzistas en via lando ? En kiuj urboj ili estas ?

2) Kia estas la potencoj kaj ondlongecoj de tiuj stacioj ?

3) Ĝis kiom da kilometroj proksimume oni povas ricevi la bildojn ?

4) Kiom da ricevilaparatoj ekzistas proksimume posendstacio ?

5) Kiu estas la ĝenerala principo de la aparatoj : esploro meĥanika aŭ per katodaj radioj ?

6) Kiu estas la firmo, kiu fabrikas la aparatojn ?

7) Kiu estas la grandeco de la ekrano, sur kiu oni ricevas la bildojn ?

8) En kiom da strioj (aŭ linioj) estas malkomponataj la bildoj trassendataj ?

9) Kiaspecaj estas la sendataj bildoj ? Ĉu portretoj aŭ teatraĵoj ? Se teatraĵoj, kiom da personoj aperas samtempe sur la bildoj kaj ĉu la necesaj detaloj estas sufiĉe klaraj por ne lacigi la okulojn ?

10) Kiu estas la funda koloro de la bildoj ?

11) Je kiu dato komenciĝis la oficialaj dissendoj de bildoj ?

12) Kiom da televidaj dissendoj estas farataj ĉiusemajne ?

13) Ĉu la publiko estas tre interesata pri tiu novaĵo ?

14) Ĉu oni povas publikigi vian nomon aŭ ĉu vi pliŝatas, ke oni vin ne nomu ?

15) *Ĉu vi konas, en diversaj landoj, kompetentajn esperantistojn, kiuj povus respondi tiun ĉi demandaron ?* Bonvolu : aŭ sendi al ili kopion de nia demandaro aŭ almenaŭ doni al ni iliajn adresojn.

16) Se vi havas informojn pri aliaj landoj, ne hezitu ilin konigi.

17) Ĉiuj pliaj informoj, kiujn vi povus doni, estus kore akceptataj.

---

**La respondojn oni bonvolu sendi al :**

Sinjoro R. Mesny, 21, rue Jacob, Paris VI^e aŭ al : Sinjoro P. Dejean, 289, Cours Jean-Jaurès, Grenoble, Francujo.

## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

| | | |
|---|---|---|
| *c.r.:* certerespondos. | *k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj. | *PI:* poŝtkarto illustrita. |
| *dez.* deziras. | *kor.:* korespondi. | *PK:* poŝtkarto. |
| *f-ino:* fraŭlino. | *L.:* Letero. | *PM:* poŝtmarko. |
| *gaz.:* gozeto. | *p. ĉ. t.:* pri ĉiu temo. | *s-ino:* sinjorino. |
| *intŝ.:* interŝanĝo. | | *s-ro:* sinjoro. |

*Philadelphia* (Pa. Usono).
S-ro Kevork Ghourdjian, 1014 South 53rd Street, dez. kor. kaj intŝ. PM., monerojn kaj PI.

*Praha XII* (Ĉeĥoslovakio).
S-ro Harry Khel, Lobkovicovo nâm. 2311, L. PK., PM , esp. glumarkojn, fotojn. kĉl. C.r.

*Genova* (Italujo).
Filatelistoj ! Interŝanĝe kontraŭ 100-250-500-1000 PM mi sendos saman kvanton italajn. — Placodio, Via Dalbertis 16.

*Tôrva* (Estonio).
S-ro Ed. Karolin, Valga t. 21, intŝ. L., PM., PI kaj PK kĉl. C.r.

*New-York City* (Usono).
S-ro George A. Connor, instruisto, 30, Perry Street, serĉas por siaj 12-16 jaraj lernantoj, interŝanĝon PI k.ĉ.l. C.r.

*Kaposvár* (Hungarujo).
S-ro Valeria Melich, Kálvária u. 13, 20-jara gimnazion fininta filino dez. kor. p.ĉ.t.





## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO LIBRO-SERVO

1, Tour de l'Ile, GENÈVE

**Benson, D-ro.** — Universala Esperanto Metodo. Kompleta rekta lernolibro kun ampleksa ilustrita legolibro kaj universala multlingva bildvortaro. 41 lingvoj, 11.000 bildoj, 100 listoj da samspecaj vortoj, 2 plenpaĝaj tabeloj de la prononcado de la Esperanto-alfabeto en 36 lingvoj, 5 plenpaĝaj tabeloj de la korelativoj en 36 lingvoj. *Tole bindita* 12.—

**Bùi-Nguyên-Dinh.** — Hoc ThèGiô'i-Ngu (Anama lernolibro de Esperanto) .................... *Broŝ.* 1.50

**Catty, Margaret.** — Alegorioj el la naturo. 2a pligrandigita eldono .................... *Broŝ.* 0.75

**Drezen, E.** — Analiza historio de Esperanto-Movado, ilustrita. *Broŝ.* 2.10

**Ferrière, Ad. D-ro.** — Estonta Eduko *Broŝ.* 1.50

**Grenkamp, S.** — Ĉu vi aŭdis tion ? *Karton.* 1.20

**« Haleluja » Ĥoro.** El la « Mesio » de Haendel. Muzikajo kun esperanto-teksto de Jack Edwards 0.80

**Heine, Heinrich.** — Atta Troll. Somernokta sonĝo. Tradukis Zanoni .................... *Karton.* 1.75

**Ishiguro, Yoshi H.** — Esperanto-gvidilo *Broŝ.* 0.50

**Kamaryt, Stan. D-ro.** — Filozofia vortaro *Bind.* 3.75

**Kenngott, A.** — Ĉiutaga vivo ........ *Broŝ.* 1.25

**Kenngott, A.** — Ilustritaj Rakontetoj *Broŝ.* 1.25

**Kenngott, A.** — Internacia Frazaro .. *Broŝ.* 1.25

**Kieseritzky, Th. & Lindén, Frits.** — Esperanto-Lehrgang, fuer Selbst- und Gruppenstudium... *Broŝ.* 1.25

**Kràne, Anna.** — Graco Atendanta. Biblia rakonto. *Broŝ.* 0.20

**Krestanov, Ivan H.** — Bulgara Antologio (Prozo kaj poezio). *Broŝ.* 5.—

**Laisant, C.-A.** — Inicado Matematika kun 103 desegnaĵoj. *Broŝ.* 2.—

**Machar, J. S.** — Benedek. Historia portreto el milito 1866. El bohema lingvo tradukis R. Fridrich. *Broŝ.* 0.50

**Maurois, André.** — Bareluloj kaj fadenuloj (Moderna fabelo por ge-mal-junuloj). Tradukis Berno Fabo. Ilustrita. *Broŝ.* 2.40

**Mickiewicz, Adam.** — Improvizacio de Konrad el drama "Dziady" 2a aldono. Tradukis Dobrzanski. *Broŝ.* 0.25

**Nilsson, Anna T.** — Datoj kaj Faktoj pri la Paca Movado. *Karton.* 1.—

**Nyssens, Paul.** — Bonhumoro ....... *Broŝ.* 2.50

**Privat, Edmond.** — Historio de la Lingvo Esperanto. Deveno kaj komenco 1887-1900 ... *Karton.* 2.—

**LA PREZOJ ESTAS INDIKITAJ EN SVISAJ FRANKOJ**

**POR SENDKOSTOJ ONI ALDONU 10 procentojn.**

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 187-3-36.